# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 8/03/2018 Tricent- sesdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj




Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,570,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,250,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 320,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 18 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



La kvara voĉo, la faktitiva voĉo, havas du formojn, kun preskaŭ la sama signifo. Ili estas la sinteza formo, "manĝigi", kaj la analiza formo, "igi manĝi". Se oni juĝas ankaŭ la analizan formon esti "voĉo", kion PAG faras sed ne mi, oni devas allasi ankaŭ "Mi as manĝi" kiel aktivon, kaj "La kolbaso atas manĝi" kiel pasivon, kaj "La folioj iĝas manĝi" kiel medialon, kiam tiuj formoj eventuale estos uzataj, kaj krome multajn aliajn verbkombinojn, kiel "(Mi) intencas manĝi" kiel aktivon kaj "(Mi) konvinkas (lin) manĝi" kiel faktitivon kaj "(Mi) suferas bati" kiel medialon kaj "(Mi) lasas (min) bati" kiel pasivon.




La faktitivo vere ne estas gramatika voĉo, sed oni klasifikas ĝin sub la voĉoj ĉar ĝi ne povas en alian dividon de verboj inkluzivati kaj ĉar ĝi havas almenaŭ gravan karakteron de la voĉoj en tio ke oni rigardas la bildon kaj do la aktivon kaj pasivon kaj medialon el alia direkto, nome el la direkto de eksterbilda nova subjekto.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 3a de Marto estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Lochlann Niddrie, Micheal Peters, Rainer Kurtz, Ian Wylles kaj Eunice Graham (el la maljunulejo) kun John Casey.
Rainer helpis la komencantojn Lochlann kaj Micheal. Roger kun la helpo de Eunice paroligis la aliajn kunvenintojn Esperante Kiel kutime estis bona kunveno.
Bona grupo Venu je la 3a sabato (kaj la unua)

*Roger Springer*



# Duolingo-okazaĵoj



Mi ĉiam serĉas novajn manierojn por allogi homojn lerni Esperanton kaj helpi al ili iĝi fluaj parolantoj. Ĝis nun, mi reklamis niajn kunvenojn ĉefe per *Meetup*, kaj havis sufiĉan sukceson per tio, sed por reklami tie oni bezonas pagi. Nun estas nova, senpaga maniero por reklami kunvenojn - kaj ĝi venas de Duolingo!

*Duolingo Events* estas nova "laboratia" oferto de Duolingo, sed ĝi iĝos parto de la oficiala ofertaro se ili atingas sufiĉan kvanton de kunvenoj dum Marto. Por fariĝi gastiganto de Duolingo-okazaĵoj, oni devas plenumi la formularon ĉi tie: https://events.duolingo.com/host/



duolingo events

kaj priskribi vin mem. Nur povas esti unu gastiganto en via urbo por via lingvo, do vi devas havi videan intervjuon kun dungito de Duolingo por klarigi kial vi indas havi la postenon kaj kiujn kondiĉojn vi devas plenumi por resti tiel. La virino kun kiu mi parolis estis tre afabla kaj diris ke ŝi jam intervjuis pli ol 300 homojn kaj ke mi estis la unua kiu instigis ŝin interesiĝi pri sia lingvo :)

Se vi sukcesos, vi ricevos aliron al la panelo de Duolingo-okazaĵoj. Tie vi povas reklami viajn kunvenojn rekte al la homoj en via urbo kiuj lernas Esperanton per Duolingo (kaj vidi kiom da ili estas!). Kompreneble ĉi tio postulas Duolingo-konton. Vi ankaŭ ricevos rimedojn por helpi ĉe la kunvenoj - Duolingo kreas novan temon ĉiun monaton (marto estas "vestaĵoj") kaj estas ekzercoj (tradukeblaj), kaj ideoj por ludoj kaj diskutpunktoj. Ankaŭ estas Slack-grupo (Slack estas kunlabora mesaĝilo) kie vi povas paroli kun aliaj gastigantoj kaj interŝanĝi ideojn.

Mi ofte kreas ekzercojn por miaj kunvenoj kaj decidis komenci kundividi ilin. Mi enmetos ligilon en mia kutima raporto - sed estu avertita ke mi foje kreas ilin je la mateno antaŭ la kunveno, kaj preskaŭ ĉiam oni trovas erarojn. Do konsideru tion alia parto de la ekzerco!

Tamen mi iomete flankeniris… Mia unua oficiala Duolingo-okazaĵo (vere nur estas la sama kunveno kiel antaŭe, sed nun reklamata en Duolingo ankaŭ) okazos venontan dimanĉon. Mi ne certas ĉu ĝi allogos pli da lernantoj, sed indas klopodi! Se vi volas revivligi viajn kunvenojn eble ankaŭ vi povus iĝi gastiganto!

*Joanne Johns*



# Merkredo ĉe la Esperanta Domo, Sidnejo.

## Malkovri la Esperantoliteraturon
Tempo: Merkredo, 7.3.2018 15h00-17h00




Ekzistas pli ol 25.000 Esperanto-libroj (originalaj kaj tradukitaj), kaj pli ol 100 regule disvastigataj Esperanto-ĵurnaloj – malgraŭ la fakto ke Esperanto nur ekzistas de 130 jaroj. Tiel ĝi havas ĉirkaŭ la sama kvanto kiel la tuta literaturo de Islando dum la lastaj 1000 jaroj.

Dum la renkontiĝo, ni prezentos la historion kaj evoluon de la Esperantoliteraturo – de ĝiaj unuaj publikigaĵoj ĝis la establigo de Esperanto-Vikipedio kun pli ol 200.000 artikoloj*.

Dum la paŭzo, ni provizos kafon, teon kaj esperantlingvan literaturlegadon.



La hodiaŭa gastiganto Rainer estis prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio, kaj nuntempe vizitas Aŭstralion. Li komence estis lernanta Esperanton dum 20 horoj kiam li faris sian unuan Esperanto-vojaĝon (al Japanujo). Intertempe li uzis Esperanton por vojaĝi al pli ol 40 landoj. *Rainer Kurz*



# Super mia ĝardeno.



## PRI NUBOJ SUPER MIA ĜARDENO.

Kutime ĉe drasta veterŝanĝo en Melburno, unu aŭ dufoje en la semajno, la ventodirekto ŝanĝiĝas el de la nordo al la sudokcidento. Tiaj veterŝanĝoj daŭras kutime dum duona ĝis du horoj. Kelkfoje oni povas observi, ke dum la ŝanĝo troviĝas tre alte en la ĉielo iu tavolo de nuboj aŭ nubetoj kiuj apenaŭ moviĝas, sed el la nordo, dum el la sudokcidento vojaĝas, rapide kaj malalte, nuboj puŝataj de tiudirekta vento.

Sed hodiaŭmatene, vendrede, mi observis ion en la ĉielo la unuan fojon en mia vivo. Do ĝi verŝajne okazas unu fojon en cent jaroj. Mi hazarde rigardadis tra granda fenestro en mia domo rekte al la nordo kaj vidis tie amason de grandaj nuboj tre malproksime en la horizonto kaj tre alte. Pro la tre granda foro mi ne povis vidi el kiu direkto ili venis. Sed super mia ĝardeno, sufiĉe proksime do, bloviĝis malgrand-ĝis-mezgrandaj nuboj ne el la sudokcidento sed rekte el la okcidento al la oriento, kaj post du minutoj anstataŭe bloviĝis samgrandaj nuboj el de la oriento rekte al la okcidento. Tiu alternativa ventodirekto ripetiĝis dum almenaŭ duona horo, post kiam mi ne plu rigardis al la ĉielo. La nuboj iris rapide, kaj ŝajnis esti sur la sama nivelo, ne tre alte. Sed kelkfoje ambaŭ direktoj estis samtempe.

Ĝi estis por mi ege stranga fenomeno, sed mi ne trinkis alkoholon antaŭe, nek dormis, kaj ĉio ĉirkaŭ mi estis normala. En la komenco mi ne povis kredi miajn okulojn. Ĉu iu povas klarigi la aferon?

Imagu, unu fojon en cent jaroj! Kaj mi ne ŝercas. *M. L.*

## RIMARKOJ PRI VORTKUNMETADO.

En Esperanto ni riĉe kreas novajn vortojn per la kunmetado de du (aŭ pli da) jam ekzistantaj vortoj, ekzemple el "tablo" kaj "tuko" ni kreas la novan vorton "tablotuko".

Estas komprenebla, ke ekzistas reguloj por fari tion. Tiuj reguloj estas AŬ naturaj reguloj, AŬ ĝenerallingvaj reguloj, AŬ specialaj reguloj de la Esperanta gramatiko, AŬ reguloj ĉar Esperanto apartenas al speciala grupo de lingvoj. Alivorte: etnaj lingvoj kaj Esperanto ne nur obeas siajn specifajn pure gramatikajn regulojn, sed tri aliajn specojn de reguloj. En Esperanto do ne nur la famajn dek-ses regulojn.

Ekzemplo de natura regulo estas, ke la nova nocio devas ekzisti en nia menso, ĉar ni ne povas fari vorton kia "muronklo"; kvankam ni havas en niaj mensoj la nociojn "muro" kaj "onklo", ni ne havas nocion kiu kombinas tiujn du bazajn signifojn. Oni povas fari centojn da miloj de tiaj neeblaj vortoj.

Ekzemplo de ĝenerallingva regulo estas, ke la vorto devas ne esti tro longa nek tro mallonga: tial ne eblas krei longegan kunmetaĵon por la malsano "*aids*" nek vorton el personaj pronomoj, kia la "lifamilio" por la familio de li.

Ekzemplo de Esperantgramatika regulo estas, ke se la vorto estas substantivo, ĝi devas finiĝi per "-o"; ne eblas la substantivo "(la) boatantaŭ" por la boatantaŭo, la antaŭo de la boato.

Ekzemplo de la speciala lingvogrupo en kiu estas Esperanto, estas ke ni ne povas krei la vorton "paŝdedu" por "dupaŝo", *pas de deux*.

Ĉi tiu speciala lingvogrupo por fari novajn vortojn nomiĝas la aglutinaj lingvoj. Ili estas krom Esperanto la ĝermanaj lingvoj, kiuj lastaj, kompreneble ĉar etnaj, permesas esceptojn al sia kunmetado. Jen la reguloj de tia vortkreado per kunmetado. **Unue** la du bazaj elementoj devas esti kunfanditaj en unu vorton, kvazaŭ en novan radikon, kaj la ĉefelemento devas, antaŭ la finaĵo, veni laste, do malantaŭ la flankelemento. En la vorto "tablotuko" la ĉefelemento estas "tuko", ĉar la afero estas tuko, ne tablo. Ĉar la kunmetaĵo estas kvazaŭ nova radiko, oni ne povas meti inter la elementojn ion ajn, do ne streketon, nek kategorian finaĵon, nek pluralan aŭ akuzativan finaĵon. Zamenhof faris unu escepton: malfacile prononceblaj kunmetoj rajtas intermeti la sensignifan literon "o", kiel en "majstrostudo" por majstrstudo, aŭ "panelolaboro" por panellaboro kiu lasta sonas kvazaŭ "pan-el-laboro". **Due** la ĉefelemento tenas sian normalan akcenton, kaj la antaŭa akcento de la flankelemento fariĝas duagrada akcento. **Trie** la flankelemento havas la signifon de prepozitivo (aŭ kelkfoje adverbo aŭ predikativo), kaj kie necesa la prepozicio povas enteniĝi en la nova kunmetaĵo: "subteromino". Sen la mencio de la prepozicio la signifo de ĉi lasta restas en la signifo de la nova kunmetaĵo. Kaj **kvare** aldoniĝas al la signifo de la kunmetaĵo la signifo de specialeco. Do

"tablotuko" ne estas ĉia tuko, sed speciala, speciale uzata aŭ fabrikita por uzi sur tabloj. Sen tiu signifero de specialeco la nova vorto ne havas ekzistorajton, kvankam ĉe kelkaj afiksoj ne estas facile malkovri ĝin.

Esperanto estas la plej aglutina lingvo el ĉiuj, ne nur ĉar ĝi strikte obeas la regulojn, escepte de kelkaj Zamenhof'aj esceptoj, sed precipe ĉar ĝi, pro Zamenhof, uzas pli da specoj de aglutina vortkunmetado ol la etnaj lingvoj. El ĉi lastaj la angla estas la malplej konsekvenca ĉar ĝi "inventadis" plurajn iomete ne komplete aglutinajn variaĵojn. Tio faras tiun lingvon eĉ pli ĥaosa ol ĝi jam estas, por neangloj. La precipa speco de vortfarado, en la etnaj lingvoj preskaŭ la nura, estas la kunmeto de du substantivoj, aŭ de substantivo (el prepozitivo) kun kia ajn ĉefelemento, kiel en "la bestoĝardeno, pafilmortigi, infantaŭga, kaj kuglorapide". Kelkaj aliaj, speciale Esperantaj, specoj de kunmetado estas: **unue**: adjektivoj kaj adverboj, nure, el substantivo kun sia adjektivo aŭ de verbo kun sia adverbo aŭ gramatika objekto, kiel en "frumatena" kaj "rapidkure" kaj "monhava". **Due** verboj kaj adjektivoj kaj adverboj el prepozitivoj, kie oni kutime metas la ĉefelementon, la prepozicion, en la komencon, pro klareco, kiel en "surmonta; senmoni, transmare". **Trie** verbo kun prepozitiva prepozicio, kiel "Enloĝi dometon" el loĝi en dometo. **Kvare** numeralo malpli granda ol la sekvanta, ĉefelementa, numeralo, kiel "centmil kaj kvardek" el cent miloj kaj el kvar dekoj. Kaj **kvine** la pseŭdoprefiksoj kaj la pseŭdosufiksoj, kiel "ekiri" kaj "manĝilo".

Sed ĉe kunmetado ekzistas la problemo, ke la homoj kelkfoje, pro nekonscio, forgesas pri la reguloj. Unu grava forgeso estas, ke la determinanto havu prepozitivan funkcion, ekz. "por tabloj". Ankaŭ la etnaj lingvoj faras kelkfoje tiajn erarojn. Temas precipe pri la jenaj tri kunmetaĵoj, kiuj ne permesatas ĉar mankas la obeo al la menciita regulo. La unua tia neeblaĵo estas la kunmeto de verbo kun sia rekta objekto. Manĝi fiŝojn ne povas fariĝi "fiŝmanĝi", ĉar "fiŝojn" ne funkcias kiel prepozitivo. Same pri verbo kun sia adverbo, kaj do ne eblas "Mi rapidkuris". Nek pri substantivo kun sia adjektivo, kiel la "ruĝrozo", nepermesata ĉar mankas la nocio de specialeco. Por ne ruinigi Esperanton la famaj verkistoj de la "Plena Analiza Gramatiko", Waringhien kaj Kalocsay, forte avertis la Esperantistojn kontraŭ la supre menciitaj falsaj kunmetaĵoj. Vi trovos tion ekzemple en $ 423 sur paĝoj 510 kaj 511 kaj speciale 512, ekz. "Se oni allasus ankaŭ alian vortefikon, adJektivigan, ĉio estus en danĝero, la tuta konstruaĵo ekŝanceliĝus, ĉio fariĝus malcerta kaj malfirma". Ni do ne faru tiajn kunmetojn, nek uzu tiujn faritajn de aliuloj, kaj nur uzu, se vi nenecese volas, tiujn kelkajn kreitajn de Zamenhof, kiaj dikfingro kaj altlernejo (= universitato) kaj fremdlando.

*Marcel Leereveld.*

## PRI LA GRANDA KVIZO .

Ne, kara Peter, mi ne intencis fari eraron por kontroli ĉu oni legas la kvizon, kvankam tio efektive okazis, danke al ci. Ne, mi simple estas tre malolerta en matematiko, studinte ĝin ne plu post la mezlernejo. Bonŝance mi kapablis kalkuli ĝis 53.

Aliflanke mi faris seriozan eraron en mia artikolo titolita "Teĥnika Gramatikaĵo". Mi nek volas nek povas taksi la legantojn nekapablaj pri gramatiko, ĉar ankaŭ mi mem ne vidis la eraron pasintan semajnon, malgraŭ funda studo. Cetere ĝi ne interferas en mian precipan

tezon, ke en pluraj eŭropaj lingvoj ekzistas tri participoj, dum la naciaj lingvistoj ne-Esperantaj ankoraŭ ne scias tion.

Nu, mi klarigadis ke la formo de la angla k.t.p. pasinta participo estas uzata ankaŭ por la pasiva participo, kiu lasta ne indikas (pasintan) tempon kaj tial ne nomiĝu "*Past Participle*". Tiu "*Passive Participle*" uzatas nur kun la helpverbo "*to be*, e^tre, *werden*": *Die Bru"cke wird na"chsten Monat repariert werden / wird nun repariert / wurde vorigen Monat repariert(ist v.M. repariert worden*). Tiu mia tuta tezo pri tri malsamaj participoj plu estas en ordo, sed mi aldonis ke ankaŭ la adjektive uzata pasiva participo perdis sian tempindikon, kio ne estas ĝusta ĉar en "*eine reparierte Bru"cke*" la adjektiva participo "*reparierte*" povas krom pasivo ankaŭ plu indiki la pasintan tempon (kio kutime okazas), kontraŭe al la kombinaĵo kun "*werden*".

Intertempe mi riparis tiun mian malgrandan eraron en la poste eldonota angla versio (pli longa) de mia tezo pri la tri participoj.

*Marcel Leereveld*



# Mia Nova T-ĉemiso Desegnita de mi mem










En la ĝardeno malantaŭ mia domo en Manlio, NSK Aŭstralio.

La ĉinaj vortoj diras "Monda Lingvo" sed signifas "Esperanto" en la ĉina lingvo. *Roger Springer*



# Semajna raporto de Melburno



### DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 4an de Marto ses homoj (inkluzive de tri komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni komencis ekzercon pri vestaĵoj (respondoj ĉi tie) kaj instruis la komencantojn.

### LUNDA KUNVENO

Lundon la 5an de Marto dek homoj venis por la jarkunveno de la MEA. Ni donis al Marcel vivmembrecon de la klubo, kaj la estraro nur iomete ŝanĝiĝis, ĉar Marcel ne plu volis esti estrarano, do nun ni estas: Prezidanto: Joanne Johns, Vic-Prezidanto: Tristan McLeay, Sekretario: Esther Parris, Kasisto: Heather Heldzingen, Bibliotekisto: Peter Johns.

### VENONTAJ KUNVENOJ

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square (nia unua kiel "Duolingo Event")

Dimanĉon 11an de Marto je 15:00-17:00

**Lunda kunveno**, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 12an de Marto je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1049 Instagram – 146

Facebook – 377 Telegram – 19

Twitter – 379

*Joanne Johns*



# Esperanto-programo de kastelo Greziljono en 2018



2018-apr-20/28 » PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun Przemek, Christophe, Marion » rete gresillon.org/p

2018-apr-27/28 » PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj » rete gresillon.org/p

2018-maj-09/13 » Ĥora (korusa) renkonto de Interkant' kun Zdravka Bojĉeva » rete gresillon.org/koruso

2018-maj-09/13 » ReVe, Renkontiĝo Vegana, kun prelegoj, kursoj, filmoj, koncerto de Jonny M » rete gresillon.org/reve

Somera programo 2018 » rete gresillon.org/somero

2018-jul-09/27 » Maratona Esperanto-kurso dum 18 tagoj kun Perla Mielo, Louis Jeuland, Nina Danylyuk, Mikaelo Bronŝtejn

2018-jul-09/16 » Interŝanĝoj de scioj kaj faroj kaj Esperanto-kurso »

rete gresillon.org/s1

2018-jul-15/21 » Semajno de ĉiĉeronado en la regiono Anĵuo kun Catherine Kremer »
rete gresillon.org/s0

2018-jul-16/21 » Speciala semajno kun kursoj de Esperanto kaj de la franca lingvo »
rete gresillon.org/s2

2018-jul-21/27 » Internacia E-Konferenco de OSIEK "Esperanto en Artoj" »
rete gresillon.org/s3

2018-aŭg-11/19 » Festa Semajno por infanoj kaj familioj »
rete gresillon.org/s4

2018-okt-26/nov-03 » AŬTUNE la Esperanto-ferioj - kun halovena festo kun Dennis Keefe

**Esperanto-Kulturdomo et kastelo Greziljono**

kontakto: kastelo@gresillon.org telefono: +33-2.41.89.10.34 *Berto Ŝuman*






Saluton el kvinslando *Petro Danzer* BES Sekretario



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto unua ero



Reveninte el Anglujo mi unue loĝis en la loĝejo de miaj gepatroj, kiuj tiam, ĉar estis somero, loĝis en sia somerdomo. La postan tagon mi eliris por serĉi laboron. Mi trovis laboron kiel noktogardisto. Unue mi devis lerni. Fakte la vivo instruis al mi, ke oni ĉiam devas lerni. Kiel diras la proverbo, ĉu ne ? "Oni devas lerni dum oni vivas, kaj batati dum oni lernas" ! Iu kolego, kiu kromnomatis "la Ŝerifo de Sudhaveno", devis instrui min. Tio daŭris kvin lacigajn noktojn.

La ŝerifo estis tre agresema homo. Li ĉion faris tre konscience. Pli ol unu fojon li estis enĵetita en Sudhavenon de laboristoj, kiujn li provis aresti, kiam ili ŝtelis ion el la fabrikoj.

Post la kvina nokto mi estis spertulo pri sekurigado. Mi prigardis grandan spiccentron apartenantan al buĉistoj. Ili bezonis, kaj ankoraŭ bezonas, multe da spico por apetitigi la putrantan viandon, kiu, ja, ĉiu scias tion, laŭ sia naturo, ne estas tre apetita.

La noktogardista ĉefoficejo situis en la mezo de Kopenhago, proksime al la urbodoma placo, la neonlumoj kaj la tondanta tondilo neona. Kaj ĝi situis tuj apud la grandega ronda cirkejo, kiu ĉiun someron funkcias kiel cirko, kaj ĉiun vintron kiel kinejo.

Estas ligna barilo inter la cirkejo kaj la noktogardistejo. Mi ankoraŭ memoras, kiel mi povus forgesi tion ? ke iun vesperon estis multe da bruo en la cirko. Simio tre timis sian posedanton, iun klaŭnon. Ĝi transsaltis la barilon kaj kuris al iu noktogardisto. Li ĉirkaŭbrakis la etulon, kaj provis konsoli ĝin. Tiam venis la klaŭno, kaj la kompatinda simio tiom ektimis, ke ĝi tuj fekis sur la jakon de la noktogardisto, kiu sentis sin devigita redoni la simion al ĝia posedanto, la malbonkora klaŭno. La jako tiom fetoris, ke necesis iri en la kelon por lavi ĝin. Tamen la malbonodoro estis tiom forta, ke oni decidis doni al li tute novan jakon.

Iun el la unuaj noktoj, kiujn mi pasigis tute sola, mi eliris en la urbon por kontroli, ĉu ĉiuj neonlumoj bone, eĉ bonege funkcias. Oni donis al mi kelkajn kartojn, sur kiuj estis desegnitaj la bildoj de tio, kion devus prezenti la neonlumoj. Mi do trankvile promenadis sur la stratoj de Kopenhago, unu el miaj preferataj okupoj. Sur la urbodoma placo mi vidis, ke unu tondilklingo mankas en la tondilo super la tajlora firmao. Tiam mi markis tion per krajono, kaj iu alia en la mateno transdonis la karton al iu, en la tajlora firmao. Tio kompreneble ne daŭris longe, kaj kelkajn horojn poste mi reiris al la oficejo. Trinkinte iom da kafo mi iris hejmen, ĉar ŝajnis, ke neniu bezonis mian helpon. Tio okazis de tempo al tempo, ne nur al mi, sed al ĉiuj el ni. Ĉiun vesperon kaj nokton estis iu superflua, kiu tial estis je ĉies dispono. Povis esti, ke ies baterio malpleniĝis, kaj oni devis eliri kaj doni al li alian baterion, aŭ io ajn povis okazi. Ekz. povis okazi, ke tute nova gardisto perdis sian vojon interne de granda fabrikego ktp. ktp.

Ekdeĵoris mi. Mi iris la longan vojon al la tombejo. Mi iris bicikle, ĉar en tiuj tagoj laboristoj ne havis aŭton. Eĉ multaj laborestroj havis nur biciklojn. Ankaŭ mia amiko, la nederlandano, el la bakejo, ne havis aŭton. Ordinaraj homoj biciklis ĉien. Mi atingis la malliberejon okcidentan, kaj daŭrigis mian vojon al Valby, iama vilaĝo ekster Kopenhago, sed nun parto de la urbego. Sur la dekstra flanko de la strato iras la fervojo pasaĝera kaj vara, tre profunde sub la stratnivelo. La deklivoj fervojaj estas tre verdaj, kaj ili belas, eĉ belegas ! Kreskas eĉ arboj tie. Supre oni povas vidi la ĝardenojn de la honorloĝejo de Niels Bohr en la bierfarejo Carlsberg

Fondiĝis Carlsberg de J.C. Jacobsen. La fabriko nomatis laŭ lia filo, Carl. Laŭ la deziro de Carl, la profito de la biervendado devas esti distribuata inter arto, scienco kaj industrio. Oni povas do diri, ke ĉiu drinkemulo dana subtenas finance la kulturon.

*Daŭrigota* *BobFelby*





# 3ZZZ

Se vi deziras aŭdi kantojn en Esperanto kaj interesiĝas pri la historio de la movado , aŭskultu la elsendon de la 5a de marto 2018

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



